# Boletín

2.ª Ep. AÑO V (163)
SEPTIEMBRE
OCTUBRE 1967
(EXTRAORDINARIO)

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

## PROF. D-RO. MIGUEL SANCHO - IZQUIERDO

### MEMBRO DE LA HONORA PATRONA KOMITATO DE U. E. A.



La elekto de Prof. D-ro. Miguel Sancho-Izquierdo, kiel membro de la Honora Patrona Komitato de U. E. A. estas granda ĝojo por la hispana esperantistaro. Por kiuj sekvas lian eksterordinaran agadon kaj konas liajn kapablojn, ne estis surprizo la honorigo kiun la Estraro de U. E. A. faris al nia eminenta Prezidanto.

Majstro de generacioj, aktivulo de nia movado, D-ro. Sancho-Izquierdo esperantiĝis je la jaro 1908 okaze de la fondo de FRATECO Esperanta Societo el Zaragoza, kies Sekretario li estis kaj nuntempe li estas Prezidanto.

Nia plej sinceran dankon al la Estraro de U. E. A. kaj nian respektoplenan kaj koran gratulon al nia kara Prezidanto, ne nur je nia nomo, sed ankaŭ nome de la hispana esperantistaro pri kies sentoj tiurilate ni ne dubas.

*HEF-Estraro kaj Redakcio*

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.° ZARAGOZA

Redacción y Administración:

Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.

Director: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.

Ĉekkonto: n.° 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.



## De secretaría

AGADO E3

Ĉar nek la Prezidanto de H.E.F., nek mi, sukcesis dum la Universala Kongreso de Esperanto en Rotterdam, interparoli kun S-ro. Tuinder, organizanto de Agado E3, mi transdonis la monon —5.750 ptoj.— kiun H.E.F. kolektis, memore al D-ro. Zamenhof, okaze de lo 50a datreveno de lia forpaso, por Agado E3, pere de S-ro. Pompilio, K.K.S.

De tiu mono, 2.000 ptoj. estas donaco de Hispana Esperanto Aŭroro, Blindula Sekcio de H.E.F.

Mi prezentas lastan liston da donacintoj, kaj dankas al ĉiuj pro ilia malavareco.

| | | |
|---|---|---|
| *Lasta sumo* ... ... ... | 900 | ptoj. |
| E. Pérez y Pérez, Valencia. | 50 | » |
| A. Jiménez Mora, Castellón | 50 | » |
| S. Oliván Hernando, Vigo .. | 100 | » |
| Grupo Esperantista de Bilbao kaj societanoj ... ... | 1.600 | » |
| Klaret. Esp. Rondo, Cervera | 100 | » |
| G. Fido kaj Espero, Vallad. | 100 | » |
| H.E.A. Blindula Sekcio ... | 2.000 | » |
| C. Tranque, Valladolid ... | 200 | » |
| A. Gamboa, Valladolid ... | 100 | » |
| M. Sancho Izquierdo, Zarag. | 50 | » |
| Hispana Esperanto Federac. | 500 | » |
| | 5.750 | » |

*I. GASTON*

Nek aktiveco sen organizo, nek organizo sen aktiveco. Aktiveco organizita.

MELIA Oficiala Agentejo por la 53ª Universala Kongreso de Esperanto okazonta en Madrid de la 3ª ĝis la 10ª de aŭgusto 1968.

Mendu jam:

Belajn glumarkojn de la 53ª Universala Kongreso de Esperanto, folio dek glm., 8 ptoj.

Ankaŭ vi povas mendi:

Poŝtkartojn, kovertojn kaj glumarkojn de niaj 25ª-26ª-27ª kaj 28ª Kongresoj

Poŝtk. 2 ptoj. po ekz.; kovertoj 1,50 ptoj. po ekz.; Glumark. 1,50 ptoj. folieto.

Poŝtk. kun Esperanto-alegorio, 6 ptoj. deko.

Kovertojn kun la teksto «Esperanto, la Lengua Internacional» 5 ptojn. deko.

# Hispanujo invitas vin

Estimataj gesamideanoj:

La Estraro de UEA bonvolis akcepti la inviton de Hispana Esperanto Federacio okazigi en Madrido la 53-an Universalan Kongreson de Esperanto.

La hispana esperantistaro ĝojas pro tiu honoro, kaj jam de multaj monatoj ĝi laboras, por ke tiu Kongreso estu brila ĉenero en la vico de la antaŭaj, por ke ĝi respondu al la malavareco de la hispana Registaro, kiu ĝin protektas, kaj por ke ĝi montriĝu inda je vi, la konsistigantoj de nia Movado, meritantaj ĉiujn niajn zorgojn.

Kiuj venos al ni, tiuj povos ĝui nian riĉan folkloron, niajn unikajn muzeojn, niajn admirindajn urbojn, kiel Toledo, Segovia, Avila, ktp, kie la vivo kvazaŭ haltis antaŭ kvin jarcentoj, por ke vi nun povu mergiĝi en ilin kaj ĝui la spiritan atmosferon de ilia glora pasinteco. La muzeoj El Prado kaj Eskorialo ja meritas vian viziton, inter aliaj interesaj allogaĵoj.

La hispana popolo, eĉ la neesperantista, akceptos vin amike kaj frate, plene sindone kaj —laŭ la tipe hispana maniero— kavalire!

Tial, karaj gesamideanoj, ni invitas vin al tiu granda kunveno, kiu okazos sub la alta protekto de la hispana Ŝtatestro, kaj ni estas certaj, ke vi gardos neforviŝeblan memoron pri la 53a. Dank' al via kunhelpo ĝi estos plia mejloŝtono al la venko sur la vojo de niaj klopodoj, kiu en 1968 iras tra Madrido.

Miguel SANCHO IZQUIERDO
*Prezidanto de*
*Hispana Esperanto-Federacio*



## NIAJ ARTISTOJ

BELA FLORTAPIŜO

Kiel kutime, la Esperantista Societo de Tenerifo, je invito de la urbestro, dum la ĉi-jaraj Kristofestoj kontribuis flortapiŝon sur la strato, antaŭ la sidejo de la Societo. La desegnaĵon verkis S-ro. Antonio Ferrer Hervás, Sekretario de la Societo, kaj la tapiŝon faris, kune kun S-ro. Ferrer, pluraj gemembroj de la societo, kiuj alportis proprakoste kaj kun helpo de la Societo la florajn kaj plantajn ingrediencojn.

La tapiŝo kovris la tutan larĝon de la strato, de unu al la alia trotuaro.

# LA PLEJ BELA INSTRUMENTO

## ISRAELAJ INFANOJ AMAS NIAN CERVANTES

«En tiu ĉi domo loĝas certe bonaj homoj, ĉar ili kantas.» Tiel mi legis en la libro «Don Kiĥoto» de Cervantes, kies enhavo engravuriĝis en mian memoron. Kiam mi iris en koncerton de kantista kvarteto, mi antaŭĝojis, ke mi baldaŭ havos okazon aŭskulti la unuan fojon artistan kanton.

Mi amas muzikon. Mi ofte pensadis: «Kion propre esprimas la muziko?» Mi havas la impreson, ke ĝi estas ankaŭ homa lingvo, kiu koncernas specialajn temojn, havantajn iun rilaton al sentoj, kiel: ĝojo, tristo, streĉo.

Dum la koncerto kantis artistoj ekzemplojn el verkoj de konataj komponistoj: Handel, Johann Sebastian Bach kaj Mozart. Tenorkantisto Moŝe Cavigliano, kiu oni povas aŭdi ankaŭ sur la scenejo de Israela opero, aŭdigis la kanton de Offenbach pri servisto, kiu malfacile laboris en domo de sia sinjoro, sed ne malesperis. Iam li eĉ ŝercis kaj dancis.

La soprankantistino Lily Vantov mastris eĉ la plej malfacilajn lokojn kun mirinda facileco kaj sen ia ajn klopodo. Post fino de la koncerto ni ĉiuj en koruso kantis la refrenon: «Ni venkos ĝin!»

Survoje hejmen mi estis ankoraŭ sub influo de la koncerto kaj mi alvenis al la konkludo, ke en komparo kun la ceteraj muzikinstrumentoj, kiujn faris la homo, estas lia voĉo instrumento la plej bela.

Por lerneja gazeto «Tipin» (Guto post guto) verkis
Tami dekdujara lernantino de popola lernejo en
B'er Ŝeva, Israelo.
El hebrea lingvo tradukis ŝia avo O. Ginz.

# NIA 28ª KONGRESO EN ZARAGOZA

18a-23a de julio 1967a

La 17an. — Venis fine la momento prepari la valizojn kaj ekveturi al Zaragoza, al sopirata renkontiĝo kun la konataj kaj nekonataj samideanoj, kiuj eĉ konsciante pri la probabla varmego en la kongresurbo ne hezitas alveturi. Tial, jam la antaŭtagon kelkaj atingis la historian kaj modernan urbon, kie niaj geamikoj, la kuraĝaj aragonanoj jam ĉion aranĝis laŭ horloĝa precizeco.

La 18an. — Je la 17a horo, en la Akceptejo jam funkcias la libroservo kaj entuziasmaj deĵorantoj ekliveras la dokumentojn. La libroservo estas vere tenta bele, orde prezentataj dekoj kaj dekoj da libroj kun allogaj titoloj... Esperinde, en ĉies valizo forvojaĝos pluraj ekzempleroj ĉar —memoru— nia literaturo estas la plej nutra esperantisteca pano.

Vespere okazis la kutima Interkonatiĝo; sed nun, duobligita per laŭdinda kongresero: Plenumiĝis la decido de antaŭa Kongreso, nomi Doktoron Herrero Honora Prezidanto de nia Federacio, kaj bela, arĝenta plato kun surskribo estis donita al li, omaĝe; Tamen, ne persone ĉar pro malsaniĝo de lia edzino ili ambaŭ devis revojaĝi hejmen! Ni estis konsternitaj. Kial la rozoj ĉiam havas dornojn? Post tio sekvis Omaĝo al Julio Baghy, nia konata verkisto; kaj la hispanaj samideanoj, kiuj lastatempe kiel oratoroj briligis niajn kongresojn ricevis en ĝoja aplaŭdado, donace po unu ekzemplero de Ĉielarko, la lasta verko de Baghy, kies unua fabelo pri ALO DINO kaj la RUZO de L' EDZINO, jam entuziasmigas la leganton. Aĉetu ĝin!

La 19an. — En katedralo «El Pilar» okazis la Sankta Meso kun profundsenca prediko de nia klera pastro Manuel Casanoves, kiu jam ravis nin plurfoje per sia flua, klara, korekta Esperanto. Bedaŭrinde, ie apude laborantoj frapadis kaj la volba eĥo stompis la aŭdeblecon. Li rakontis: «Iam antaŭe mi miris, ke oni predikas en Esperanto; kaj jen ankaŭ mi nun faras tion!» Efektive la vivo ofte prezentas tiajn kontrastojn. Li aludis la vortojn Egaleco, Libereco, Frateco, kiuj, estante esence kristanaj fariĝis suspektindaj dum longa tempo nur tial, ĉar ili estis devizo de nekristanoj; sed nenio bona estas fremda al patrina koro de l' Eklezio kaj la tempo estas jam matura por Universala Frateco, por unu granda rondo familia. Nombraj samideanoj gratulis lin.



*Solena Inaŭguro de la 28-a Hispana Esperanto Kongreso*



*Post la Solena Malfermo de la Kongreso, la gesamideanoj vizitas kaj favore komentas la Ekspozicion*

Sekvis la Solena Malfermo en Deputitej-Palaco. Prezidis nia Prezidanto Prof. D-ro. Miguel Sancho Izquierdo, akompanis lin sur la estrado, Iliaj Moŝtoj la Deputito S-ro. Bribián, Kolonelo Rodríguez, Aviadestro, Turism-Delegito S-ro. Fernández y Fernández Madrid, D-ro. Fernando de la Puente, Prezidanto de KEHA kaj S-ro. V. Ortiz Gratal.

La Prezidanto D-ro. Sancho Izquierdo komencis per omaĝaj vortoj al tiuj pioniroj S-roj Agustín de Montagut, Emilio Gastón kaj Rafael Benítez, kiuj fondis la grupon Frateco en Zaragoza antaŭ 60 jaroj, kiam nia movado suspektigis kaj la esperantistoj estis la celtabulo de mokemulaj sagoj.

Kaj jen la Ekspozicio, kies altvalora materialo abunda, serioza kaj trafe elektita povis nur konvinki la vizitantojn.

Posttagmeze kolektiĝis la gejunuloj. La ĉefaj programeroj estis la proksima

*Magistratano D-ro. Horno Liria, nome de la Urbestraro, deklaras oficiale inaŭgurita Publikan Bibliotekon, «MIGUEL SANCHO IZQUIERDO»*



*Lia Moŝto la Urbestro de Zaragoza, S-ro. Alierta, bonvenigas la esperantistojn dum la Oficiala Akcepto en la Urbodomo*

kongreso de TEJO en Tarragona kaj la dometo nun konstruata apud Monistrol (Barcelona) en ĉirkaŭaĵo de la fama monto Montserrat. Sro. Salvador Aragay detale informis pri ĝi kaj esperas ke nombraj samideanoj venos tien ĝui agrablan restadon. Por informiĝo oni turnu sin al li.

Kunsidas samtempe la membroj de pluraj fakoj, sed ĉar tio estas iel privata, mi raportas pri la inaŭguro de Publika infana Biblioteko nomita MIGUEL SANCHO IZQUIERDO en Parko Pignatelli. Ĉeestas Kulturestro Sro. Luis García Esteras kaj magistratano Sro. Mariano Horno Liria, kiu per intimaj vortoj pli ol per pompa parolado, esprimas al nia kara Prezidanto la ŝuldon de la urbo al li, pro lia sindono, lia merito, lia dumviva penado por Zaragoza. En la nomo de Hispana Esperanto-Federacio, Sro. Juan Régulo Pérez donacas esperanto-librojn al tiu ĉi simpatia biblioteko, kies celo estas servi librojn por legado en la Parko.

Kiel apartan kongreseron, mi devas mencii la intiman vespermanĝon ĉe la fervoraj Fraŭlino Inés kaj Emilia Gastón, kie en esperantisteca atmosfero ili regalis nin, la dek-ses kunsidantojn! Vere plaĉa festeto.

La 20an. — Kiel antaŭe, ankaŭ hodiaŭ estas varmege. La termometra hidrargo grimpis ĝis super 40º! Sed la kongresanaro tamen sekvas atente la nombrajn programerojn. Post la laborkunsido de HEF-estraro kun Grup-delegitoj, kaj la vizito de la Katedralo kaj Muzeo, okazis la Oficiala Akcepto en la Urbodomo. En la nomo de la urbo bonvenigis nin Lia Moŝto la Urbestro Sro. Alierta, per tre simpatiaj vortoj. Estas fakto, ke kie okazas niaj Kongresoj, tie aŭdiĝas vaste pri Esperanto, kiu tiel ne plu ŝajnas fremda al Aŭtoritatuloj, nek timiga nek ridinda al popolo.

Sekvis la Oratora Konkurso al kiu prezentiĝis unu sola kandidato: Sro. Ignacio Peguera. Li asertis ke li komencis studi Esperanton antaŭ unu jaro, kaj li parolis flue kaj korekte pri Filozofio! La ĉeestantoj —kiuj reliefiĝis pro sia foresto— perdis maloftan kongreseron. Post varma aplaŭdado li ricevis kiel premion la gravan trivoluman verkon «La Faraono» de Prus.



*S-ro. Ignacio Peguera*



*Sub la gvidado de Majstro Borobia, la «Ĥoro Zaragoza» briligis nian Kongreson pere de belega koncerto*

Nun, jam sonis la 18a horo kaj prelegas en Esperanto Sro. Juan Régulo Pérez, kiun ankaŭ mi ŝate nomus Ptro. de la Libroj. Pli ol akademian, elstaran prelegon, li faris intiman, nerapidan babiladon per kiu li konigis al ni la naskiĝon de Stafeto, la «biografion» de kelkaj libroj, la senfinan mizeron de iuj aŭtoroj, la neimageblan malfeliĉecon de homoj, kiuj malgraŭ severa sindono ne povis publikigi siajn verkojn, kaj esperis propran kaj ĝeneralan saviĝon el promesplenaj revolucioj, kiuj —ho sarkasmo— rezultis trompaj!

Sekvis sincera aplaŭdado; kaj mi esperas, ke sciante pri la Stafetnaskiĝo kaj pri la transsaltitaj baroj oni senescepte helpos Sron. Juan Régulo plu portadi la torĉon antaŭen.

Rava koncerto kronis la tagon. «Ĥoro Zaragoza» de Educación y Descanso direktata de Majstro Borobia prezentis al ni, trupon de ĉirkaŭ dudek junulinoj kaj dudek junuloj, kiuj tuj mirigis nin pro la ĝusteco, la agordeco, la harmonieco de siaj voĉoj. La kantado estis iel matematika en sia beleco. Dek-unu kanzonoj sekvis unu la alian, ĉiam pli kaj pli alloge. Kiam sonis la sesvoĉa «Vivu Aragono» mi rimarkis ke la kruroj de miaj kunsidantoj kaj ankaŭ la miaj emas svingiĝi laŭ la vigliga takto de la senkompara Aragona Ĥoto! Sonis fine nia himno kvinvoĉe, ĉarme, kaj en mia koro pikis dolore, tre dolore la senrespondа demando: Kiam ni havos en bona Esperanto —sonbende aŭ diske— tiajn juvelojn? Tondra aplaŭdado kaj granda florbukedo premiis la talentan trupon.

La 21an. — La ekskurso al San Juan de la Peña (Huesca) okupis la tutan tagon. Longa veturado sur serpentuma ŝoseo prezentis al ni la varian bildaron de nia geografio. Vastaj kampoj, starantaj ŝtonegoj «Los Mallos», akvo barita kaj nombraj tubegoj kiuj mute parolas pri l' Teĥnika Progreso; verdaj arbaroj, la natura balkono supre antaŭ Pirineaj Montoj, kies neĝaj ĉapoj estis videblaj tie, fore, en senfina panoramo; apud la monaĥejo, la senmezura ŝtonamaso konsistanta el kungluiĝintaj ŝtonoj, kiu pro sia klineco ŝajne defias la ekvilibron...; sube, dikaj, tre malnovaj muroj atestas pri la maltrankvila vivado kaj morto de niaj prapatroj. Kiom da instruo elspiras tiuj muregoj, kiom da medito ili meritas!

La 22an. — Antaŭtagmeze per busoj la kongresanoj iradis tra la urbo. Zaragoza estas jam granda, moderna kaj pligrandiĝanta. Posttagmeze en la Kongresejo okazis la kutima ekzamenado. Multaj gesamideanoj volis trapasi la provon, kiu daŭris de la 4a ĝis la 9a horo. Estas kontentige konstati, ke prezentiĝis tre bonaj kandidatoj. Mi instigas ilin al plua perfektiĝo, ĉar ĉiu ekzamenito, kiel ajn bone elturniĝis, bezonas ankoraŭ ĝiskernan poluriĝon.

Post la Generala Kunveno de HEF, prelegis en hispana lingvo pastro Adrián Zulueta. Tre dokumentita prelego kun statistikoj, projektoj k.t.p. Li analizis la estiĝon kaj disvastiĝon de la Internacia Lingvo kaj pravigis la finan solvon per Esperanto. Varma aplaŭdado.



*Antaŭ la Prezida tablo de la bankedo, paro da aragonanoj majstre dancas Ĥoton*

La lasta, pli grasa kaj suka programero estis la Bankedo en «El Cachirulo» (Kaĉirulo) granda, moderna festsalono, kie ĉiu kongresano senescepte povis kun ĝoja mieno kaj malgraŭ la varmo kaj la varmiga ĉampano Verda Stelo reliefigi sian esperantistecon. Jen aperis S-ro. Miguel, nia kara Prezidanto, kiel aŭtenta aragonano kun «kaĉirulo» (Tipa Aragona ĉirkaŭkapa tuko), ĉirkaŭ la kapo. Baldaŭ vidiĝas aliaj kaj post momento ankaŭ mi! Ĉar la simpatia fraŭlino Sofía Liaño volvis ĉirkaŭ mia granda tubero ruĝan kaĉirulon, kiu iel vigligas min, kvazaŭ tiuj tukoj enblovus en la kapon de l' uzanto aragonanan karakteron! Kaj jen, meze de la festo oni esprimas per subskriboj al forestantaj gesinjoroj Herrero sian tutan simpation kaj estimon.

Aragono kaj Ĥoto vivas kune, neniam unu sen la alia; tial la bankedo-deserto estis rava ĥotoprezentado, kiu plaĉis al mi pli multe ol la telerajoj. Ĉarmaj gejunuloj kun laŭte klakantaj kastanjetoj; satiraj strofoj kantataj alten per streĉe ŝveligitaj brustoj; malpezaj kruroj sub kvazaŭ senpezaj korpoj rapide, ronde svingiĝantaj laŭ la kapturniga takto; kaj strofo dediĉita al esperantistoj... Ĉu ni meritis tiel belan bukedon? Agrabla tempo pasas rapide; jam batis la dua horo nokte, kaj ekstere de la salono blovas unuafoje refreŝige al ni, malvarmeta, preskaŭ ĝena venteto.





*Eksterlandaj reprezentantoj kaj membroj de l' L.K.K. por la 53a Universala Kongreso de Esperanto okazonta en Madrid*

La 23an. — Antaŭtagmeze ni kolektiĝis en la Kongresejo por la lasta solenaĵo. Sur la estrado, Sro. Miguel Sancho Izquierdo, nia prezidanto; Kolonelo Aviadestro Sro. Rodríguez; Profesoro Juan Régulo Pérez; Vicprezidanto de la Loka Komitato, S-ro. Fernando de la Puente; nia sekretariino F-ino Inés Gastón kun la Estraro de nia Federacio.

Salutis al la kongresanoj la jenj eksterlandaj reprezentantoj: S-ino. Anna Jorgensen el Danlando, S-ro. Mongois el Francujo, S-ro. Berghanel el Germanujo kaj S-ro. Castro el Portugalujo.

En afabla paroladeto Sro. Juan Régulo citis gravajn pionirojn, inter aliaj Srojn. Emilio Gastón, Delfí Dalmau, Jesús Maynar, Francisco Máñez... al kiuj tiel multe ŝuldas nia movado. La sekretariino F-ino Inés Gastón legis la Kongres-rezolucion kaj dankis la kongresanojn pro la partopreno kaj sukcesigo de nia 28a en Zaragoza.

Nia Prezidanto, ĉiam vigla, fermis la kongreson dankante al Aŭtoritatularo, Radio, Gazetaro kaj Televido ilian ĝentilecon, ilian helpemon, ilian efektivan favoradon.

Sur la perono, pluraj fotiloj pafos al ni, antaŭ la tuja disiro... Sed la fotoj tenados nin unu apud la alia malgraŭ la korpa malproksimeco, kiu, cetere, ne longe daŭros, ĉar la Universala Kongreso en Madrid atendas nin en la proksimiĝanta jaro 1968a. Kolegoj, preparu vin!

*Raportis: S. Gumá - Reus*



*Prezida tablo dum la Solena Fermo de la Kongreso*

# ACUERDOS DEL CONGRESO

Solicitar del señor Director General de Radiodifusión, la creación de un espacio en Radio Nacional de España, para emisiones periódicas en Esperanto, haciendo la misma solicitud a los señores Directores de emisoras locales. Acordándose a la vez manifestar el agradecimiento de los esperantitas españoles a las emisoras, que con tanto éxito, semana tras semana, vienen emitiendo programas en Esperanto o acerca del Esperanto.

Durante la Junta General a propuesta del señor Molera, hubo un cambio de impresiones acerca de la necesidad de editar en España, con vistas al próximo Congreso Universal, que tendrá lugar en Madrid, el próximo agosto, un manual sencillo para el aprendizaje del Esperanto, que pueda distribuirse por medio de los servicios de librería de alguna gran editorial, como últimamente ha ocurrido con el Lexicón Sopena Esperanto-Español, Español-Esperanto.

El Padre Casanoves aceptó hacer un bosquejo previo y ponerse en contacto con autores y editores, a fin de probar la viabilidad del proyecto.

## EKZAMENOJ PRI ESPERANTO

Estis aprobitaj pri ELEMENTA KURSO, la jenaj samideanoj:

S-ro. Ignacio Peguera Marvá — Albelda (Logroño)
F-ino. Agustina Solans Serra — Barcelona
S-ro. Delfín Ronda Sánchez — Bilbao
S-ro. José Pérez Catalá — Valencia
S-ro. Miguel Saballs Radresa — Aldaya (Valencia)
S-ino. María Ignacia Arruti Etulaín — San Sebastián
S-ro. Francisco Ruiz Román — Barcelona
F-ino. María Dolores Plazaola Ozcoidi — San Sebastián
S-ro. Juan José Ibarrola Gorrochategui — San Sebastián
F-ino. María Luisa Erlaiz — San Sebastián
S-ro. Luis Blasco Pérez — Zaragoza
S-ro. Pedro Hernández Martín — Madrid
S-ro. José Andrés Aldana — Zaragoza

PRI MEZA KURSO estis aprobitaj la jenaj samideanoj:

S-ino. María Ignacia Arruti Etulaín — San Sebastián
S-ro. Delfín Ronda Sánchez — Bilbao
S-ro. Ignacio Peguera Marvá — Albelda (Logroño)
S-ro. Miguel Saballs Radresa — Aldaya (Valencia)
S-ro. Luis Blasco Pérez — Zaragoza
S-ro. José Andrés Aldana — Zaragoza

### BIBLIOTEKO KATALOGIS ESPERANTO-LITERATURON

(IGS/656) Szeged, Hungarujo. — La Hungarlanda Esperanto-Biblioteko en Szeged ĵus eldonis sian unuan, 288-paĝan katalogon laŭ la Universala Decimala Klasifo. La Biblioteko, fondita en 1960, estas administrata kiel parto de la Biblioteko Somogyi. La tri plej grandaj Esperanto-bibliotekoj de la mondo estas tiuj de la Nacia Biblioteko en Vieno, de la Brita Esperanto-Asocio en Londono kaj de la Universala Esperanto-Asocio en Rotterdam. Aliaj relative grandaj kolektoj troviĝas en Amsterdam, Berlin, Buenos Aires, Montevideo, Praha, Stockholm kaj Tokio.



# Homoj kaj faktoj

## Sro. D. Juan Régulo Pérez

*Hispana STAFETO estas aktuale la plej vigla eldonista entrepreno en la esperantista mondo, kaj ĝia kreinto estas Sro. don Juan Régulo Pérez, katedra profesoro en la Universitato de La Laguna, en la Kanariaj Insuloj.*

*Situanta do sur privilegie bona loko por kontempli la panoramon de esperanto kaj esperantismo en la tuta mondo, Sro. Régulo Pérez povas doni al niaj legantoj altnivelajn opiniojn pri kiu ajn esperantista temo.*

*Liaj respondoj —se doloriĝaj ankaŭ funde pripensitaj— donas al ni okazon por longa kaj espereble fruktodona konsidero.*

1. *Sro. Régulo Pérez. Nuntempa stato de Esperanto en Kanariaj Insuloj?*

—En Kanariaj Insuloj Esperanto estas nun en pli bona stato, ol kiam ajn antaŭe. En La Laguna ni havas societon kun pli ol cent aktivaj membroj. Sed tio ne signifas ke la afero statas tute kontentige. Mia ĉefa plendo estas kontraŭ la eterna amatoreco de la hispanoj, kiuj apenaŭ komprenas, ke Esperanto estas grava afero, al kiu oni devas oferi *seriozan* dediĉon. Nia nuna stato estas tia, ke la plimulto de niaj samlandanoj aperas en internaciaj renkontiĝoj kiel ĉiamaj balbutantoj, fluaj fuŝantoj, gramatikaj kartavantoj. Ekzistas honorindaj esceptoj, jes, sed tiuj esceptoj ĝuste pruvas —pro sia escepteco—, ke la ĝenerala nivelo forte lamas. Per miaj kursoj en la Universitato mi klopodas, laŭpove, ŝtopi tiun breĉon; sed nia kronika diletantismo permesas nur tre malrapidan progreson...

2. *Viaj esperoj estas...*

—Miaj esperoj estas, ke niaj amikoj kaj simpatiantoj ne prokrastu ĝis la tago de Sankta Neniamo sian respondecon; ke ili estu celkonsciaj koncerne la postulojn kaj ŝancojn de nia epoko, kaj ke, sekve, ili ellernu Esperanto. La ellerno de la lingvo estas nia fermentilo ke perfekta esperantisto estas homo plene gajnita por nia afero.

3. *Don Juan, vi partoprenis multajn kongresojn: universalajn, fakajn kaj naciajn. Kion vi aldonus al, kaj kion vi forstrekus el, la Hispanaj Kongresoj?*

—Generale la Kongresoj, ĉu esperantistaj, ĉu aliaj, estas renkontiĝoj, kie la ĉefa agado okazas, ne en la laboraj ĉambroj kaj solenaj haloj, sed ĝuste sur la koridoroj, t. e. pere de rektaj personaj kontaktoj. La cetero, la propaganda, festa, eĉ festena flankoj, kvankam mi ilin neniel subtaksas tamen estas al mi persone malpli interesaj. Tial, al tiu ekstera aparato de niaj Hispanaj Kongresoj mi apenaŭ scius rekomendi aldonojn aŭ forstrekojn, kondiĉe, ke la homoj havas okazon larĝe kontakti.

4. *Ni ŝanĝos la temon, ĉu? Kiom da libroj vi eldonis ĝis nun en Esperanto?*

—Ĝis nun mi eldonis 62 volumojn (la lastaj estas pretaj, sed ankoraŭ ili ne disiris al Esperantujo). El tiuj 62 titoloj, neniu estas malpli ol 100-paĝa, kaj pluraj estas pli ol 500-paĝaj. Do temas pri veraj libroj, ne pri simplaj broŝuroj. Ĝis nun, tute elĉerpiĝis la ok unue eldonitaj.

5. *La plej vendata estas...*

—Se ni esceptas la debutan volumon, «Kvaropo», kiun mi malavare disdonacis kaj kiu estis la unua altnivela originala poemaro post la dua mondmilito, kiam multaj legantoj soifegis je bona beletro, «La Infana Raso» estas la plej rapidritme elirinta titolo. Malgraŭ tio, ke temas pri lingve kaj enhave altnivela eposo, originale verkita en Esperanto, apenaŭ alirebla en sia tuteco al komencantoj aŭ al beletraj analfabetoj, ĝi preskaŭ fulme elĉerpiĝis. Tio pruvas, ke Esperantujo, kiam oni proponas al ĝi atutan verkon, scias ĝin inde apreci. Nun estas en preparo ĝia dua eldono.

6. *Simpla kuriozaĵo... Ĉu estas facile trakti kun la esperantistaj aŭtoroj?*

—Nu, la demando estas tiel vasta, ke mi apenaŭ povus jesi aŭ nei. Apud senfine paciencaj kaj komprenemaj aŭtoroj —preskaŭ ĉiam la plej eminentaj— troviĝas aliaj tiel delikathaŭtaj, eĉ je la plej milda tuŝo, ĉefe kiam temas pri gramatikaj, leksikologiaj, stilaj punktoj, ke mi jam sukcesis fari al mi belan bukedon da malamikoj pro miaj rifuzoj aŭ komentoj je proponitaj manuskriptoj.

7. *Kiu el ili estas la plej agrabla kaj kiu la plej malfacila el simple eldonista vidpunkto?*

—La aŭtoro, kiu mem iel konas la postkulisaĵojn de la esperantista eldonagado kaj la libromerkaton de Esperantujo, estas ĉiam la plej simpatia kaj komprenema. Plej postulemaj aperas kelkaj debutantoj, kiuj taksas la eldonadon en Esperantujo laŭ la kriterioj uzataj de nacilingvaj eldonistoj kaj sekve volas ilin apliki en Esperantujo. Sed la posta kontaktado montras, ke preskaŭ ĉiam temas pri spertomanko.

8. *Viaj proksimaj eldonaĵoj estas...*

—Miaj baldaŭ aperontaj titoloj, kelkaj el kiuj estas tute kompostitaj kaj mankhavaj nur je kovrilo kaj bindado, estas ses, nome: «Okuloj», novelaro originala de Marjorie Boulton; «Fajro sur mia lango», poemaro originala de Edwin de Kock; «Vesperkanto», postmorta originala poemaro de Hendrik Adamson; «Vivo de Gandhi», postmorta originala biografio de Edmond Privat; «Somermeznokta songô», de William Shakespeare, verse tradukita de Kálmán Kalocsay, kaj «Norda Naturo», poemaro originala de Hilda Dresen. Kiel vi povas konstati, mi daŭre preferas kaj emfazas originalaĵojn.

9. *Kaj finfine, jen nia lasta demando, Sro. Régulo Pérez. Kion vi esperas de la venonta U. K. en Madrido, por la hispana esperantismo?*

—Same kiel nun niaj respondecaj instancoj kaj aŭtoritatoj klopodas plialtigi niajn landajn viv-, kultur-, industri-, komerc-, teĥnik-nivelojn, tiel, ke Hispanujo povu inde eniri la Eŭropan Komunan Merkaton, same de nia 53ª Universala Kongreso en Madrido mi esperas, ke niaj landaj esperantistaj instancoj —societoj, grupoj, rondoj— kaj niaj pli konataj unuopuloj fariĝos plene celkonsciaj kaj ke per sekva profunda kaj respondeca respekto por la afero, ĉiuj klopodos ellerni Esperanton, tiel, ke ni povos, en digna amblo, ŝultro apud ŝultro, marŝi kun la eŭropa kaj tutmonda esperantismo.

—Mil dankojn, Don Juan Régulo Pérez, pro viaj interesaj deklaroj al «Homoj kaj Faktoj».

*Demandis JES*

---

## Dos bibliotecas de Tarragona, han creado Sección de Esperanto

La Biblioteca «CASA DE CULTURA», que dirige D. Feliciano Conde, y la Biblioteca de la Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorro, dirigida por D. Jaime Vilasau, han creado Sección de libros de Esperanto.

Enterada la Directiva de la Federación de la creación de estas secciones, envió a los señores Directores de ambas Bibliotecas un pequeño lote de libros para dichas secciones, como ha venido haciendo en ocasiones análogas, a la vez que les felicitaba por su iniciativa.

## EL CONGRESO UNIVERSAL DE ESPERANTO DE ROTTERDAM

Anunciada y preparada la celebración del 52º Congreso Universal de Esperanto en Tel-Aviv, los acontecimientos de todos conocidos hicieron que dos meses antes hubiera de ser trasladado a Rotterdam. No obstante ello, el éxito coronó el esfuerzo realizado por los organizadores, quienes merecieron sobradamente las palabras de gratitud que, en la sesión de clausura, les dirigió el Presidente de U.E.A., Dr. Ivo Lapenna.

Comenzó el Congreso, como de costumbre, con la *Interkona Vespero,* el miércoles 2 de agosto, a las ocho de la tarde; pero cuando después de la *vespermanĝo,* los congresistas procedentes de los más apartados países acudían al edificio «Doelen», donde se celebraron los distintos actos del Congreso, para participar en tan simpático acto, el Comité de U. E. A. ya llevaba dos sesiones —mañana y tarde— en su importante y callada labor.

El jueves 3, a las nueve y media de la mañana, tuvo lugar la sesión inaugural, presidida por el que lo es de U. E. A. Profesor Doctor Ivo Lapenna, acompañado de altas personalidades de la provincia y la ciudad y diplomáticos de 16 países. Por España, asistió, en ausencia del Embajador, el primer Secretario de la Embajada, Ilmo. Sr. D. José Manuel Lacleta Muñoz.



El Presidente de la Federación Española de Esperanto, saluda al Congreso en nombre de los esperantistas españoles

Tras los saludos del Prefecto de la provincia de Sud-Holonda, J. Klaasesz, y el que diríamos, traducido a nuestro lenguaje, primer Teniente de Alcalde, G. Z. de Vos, a los que contestaron el Presidente y el Vicepresidente de U.E.A., desfilaron por el «podium» los representantes de las Asociaciones nacionales adheridas a U.E.A. —haciéndolo por H.E.F. su presidente, Dr. Sancho Izquierdo— y las no adheridas, pero presentes en el Congreso, para saludar al mismo.

Finalmente, el Dr. Ivo Lapenna pronunció el *festparolado,* frecuentemente interrumpido por grandes aplausos; discurso del que no nos atrevemos a dar un resumen; preferible leer, los que no lo oyeron, su texto completo, esperando se pueda, también, oír de nuevo impresionado en disco.

Aquella misma tarde se inauguró el *Congreso Internacional Juvenil* organizado por T.E.J.O. y a las ocho de la tarde, la *Universidad Internacional de Verano,* con una conferencia de su Rector, Profesor Neergaard, sobre «Asistencia técnica a los países en evolución».

En días sucesivos, ocuparon la cátedra de dicha Universidad el Prof. Dr. Ivo Lapenna, quien disertó sobre «Genocidio»; el Prof. Dr. Juan Régulo Pérez, quien nos habló de la «Contribución de los judíos a la formación de la población canaria»; el Prof. Dr. Ingeniero Oton Pencer, quien trató de la «Racionalización de las labores en agricultura y horticultura»; el Dr. Albaut, sobre «Lo que se sabe acerca de la operación de la catarata»; la Profesora C. Conterno, quien habló del «Dante, creador de una lengua inter-regional», y, en fin, el lector del Departamento de Fonética de la Universidad de Londres, J. C. Wells, quien clausuró el curso con su conferencia sobre «Lenguas *pidgin y criollas*».

Volviendo al jueves, día 3, registremos la recepción ofrecida a los congresistas en el Ayuntamiento —en el que ondeaba, junto con la nacional y la de la provincia, la bandera esperantista—, por el mencionado Teniente de Alcalde, quien les dio la bienvenida e hizo un breve bosquejo de la historia de la ciudad, contestándole el Dr. Lapenna. A continuación y en las galerías del Palacio municipal, fueron obsequiados los congresistas.

El viernes, 4, tuvo lugar la presentación oficial del grupo *Internacia Arta Teatro*, en sesiones de tarde y noche, para que pudieran asistir todos los congresistas, repitiendo su actuación, con otro programa y libre asistencia mediante pago, el domingo por la noche.

En dicho domingo tuvieron lugar los servicios religiosos. Los católicos tuvimos una Misa, totalmente dicha y dialogada en Esperanto, en la capilla de Simeón y Ana.

Continuando con las manifestaciones artísticas, el sábado, a las tres de la tarde, tuvo lugar el *Oratora Konkurso*, y a las cuatro y media, el *Belarta Konkurso*.

En el primero, obtuvo el primer premio el Sr. Simonnet, de Francia, y el segundo, la señorita Kehlet, de Dinamarca.

En cuanto al segundo, obtuvo el primer premio, en poesía original, el holandés Wouter F. Pilger, por su poema *Mia ĉio*; el segundo, Carmel Mallia, de Malta, por su poesía *Forporto*, y el tercero y la mención honorífica, Jiri Korinek, de Checoslovaquia, por sus composiciones *Vojo kaj tempo* y *Antaŭen*.

En poesía traducida, fueron adjudicados los dos primeros premios al ya mencionodo Wouter F. Pilger, por *Bela nimfin* y *Ĉu do ne plu mi ĉarmos*, traducción; ambas composiciones, de P. C. Hooft, y el tercero, a Tyburcjiusz Tyblewski, de Polonia, por *La rakonto pri maljunaj virinoj*, de Tadeusz Rosewicz.

En prosa original, se declaró desierto el primer premio, obteniendo el segundo Tibor Sekelj, de Yugoslavia, por su composición *Geniulo*, y el tercero, «ex aequo», el húngaro Aleksandro Palacsek por *La kuzino* y el ya mencionado polaco Tyburcjusz Tyblowski, por *En la puto*.

En drama original, hubo sólo una mención honorífica para Vilmos Benezik, de Hungría, por su obra *La ponto*.

El mismo sábado fue el banquete oficial, seguido de baile y el lunes, la excursión de todo el día, ya por autobús, ya por barco.

Mientras, se iban reuniendo las distintas Asociaciones internacionales, ya de rama o sección, ya profesionales (científicos, maestros, juristas, estudiantes, médicos, etc.) de cuyas actividades se dio cuenta en la Sección I de trabajo, reunida bajo la presidencia del Dr. Ivo



El Dr. Sancho Izquierdo y el Dr. Régulo Pérez, cumplen con su deber, trabajando en las sesiones del Comité de U. E. A.



El Presidente de U. E. A., Dr. Ivo Lapenna hace entrega de la bandera del Congreso al Presidente de H. E. F., Dr. Miguel Sancho Izquierdo. Momento éste de gran emoción para todos los esperantistas españoles que estuvimos presentes en el acto.

Lapenna. Igualmente se reunieron las Secciones II y III, tratando, respectivamente, de la «Enseñanza de la lengua internacional en las Escuelas y fuera de ellas» y del «Esperanto en el Turismo».

También el Comité, como las Comisiones designadas por el mismo, tuvieron diversas reuniones a lo largo del Congreso, reuniéndose, finalmente, el martes, 8, por la tarde, la *Generala Kunveno* o Asamblea general de U.E.A. bajo la presidencia de Erik Carlen, Vicepresidente 1.º.

Terminó el día con la *Varia Vespero*, presentada por F-ino. Vermaas y consistente en música de piano, canto, recitados y diversos «sketchs» a cargo del Club teatral de La Haya. Ramona van Dalsem, perteneciente al mismo, fue verdadera estrella de la canción esperantista y fueron muchos los discos que se vendieron dedicados por ella.

Y así se llegó al miércoles 9 y con él a la clausura del Congreso. Tras el acuerdo de enviar un telegrama al Presidente Honorario Ernfrid Malmgren y guardar un minuto de silencio en memoria de los varios esperantistas destacados muertos en el pasado año, se dio cuenta de la labor del Comité y de la reelección de los distintos miembros de la «Estraro» a excepción del Dr. Albaut, quien, elegido Presidente de la Asociación francesa, pidió dejar su puesto en la directiva de U. E. A. para mejor dedicarse a su nuevo cargo, siendo elegido en su lugar el Dr. Peter Zlatnar.

Asimismo, se dio cuenta de haber aprobado el Comité el informe presentado por la *Estraro* y de haber sido nombrados, a propuesta de éste, *honoraj komitatanoj* el Sr. Ralpf Harry, Embajador de Australia en Bruselas, el Prof. Dr. Sancho Izquierdo, de España, y el Prof. Väisäle, de Finlandia.

Otro nombramiento fue el del Dr. Sadler para Vicedirector de la C. O., siguiendo de Directora la Sta. Vermaas y de Secretario permanente de Congresos, el Sr. Pompilio, cuyo próximo matrimonio con *japana samideanino fue* anunciado.

El Presidente dio lectura a las tres resoluciones referentes a la propuesta que, suscrita por cerca de un millón de firmas y apoyada por cerca de cuatro mil organizaciones, fue entregada al Secretariado de las N.U. sin que éste la tramitara ni mereciera respuesta por su parte, al Esperanto como instrumento poderoso para la paz mundial, y a la función que el mismo puede realizar en

orden al turismo; todas las cuales fueron aprobadas por aclamación.

Se dio cuenta del fallo y se repartieron los premios de los *Belartaj Konkursoj*, *Oratora Konkurso* y *Florkonkurso*.

El Sr. Ivo Osibov informó acerca de la labor de TEJO y clausuró el Congreso Internacional Juvenil.

Finalmente, el Dr. Sancho Izquierdo, como Presidente de la L.K.K. del próximo Congreso Universal en Madrid, hizo un vibrante llamamiento invitando a todos a participar en él, terminando con estas palabras: «Las puertas de España están abiertas para todos los esperantistas del mundo. Los brazos de los esperantistas españoles están, también, abiertos para abrazarlos.»

En medio de grandes aplausos, el Dr. Ivo Lapenna le entregó la gran bandera del Congreso que, anualmente va de uno a otro país.

Y con el himno *La Espero*, cantado por todos los congresistas, terminó el Congreso.



En el stand «VENONTJARA UNIVERSALA KONGRESO» Madrid 1968, las Srtas. M.ª Pilar Sancho e Inés Gastón, Secretaria de H. E. F. y de L. K. K., atendían a los numerosos congresistas que solicitaban información; a la vez que recibían inscripciones para el 53 Congreso Universal de Esperanto, siendo ayudadas en todo momento por el directivo de la Federación, D. Luis de Otaola Faón.

## KRISTNASKO KAJ NOVJARO...

rapide alproksimiĝas.

Ĉu vi jam pensis kiajn donacojn vi sendos al la geamikoj?

Libroservo de H. E. F. havas je via dispono multajn librojn, inter ili, tre interesajn hispanajn verkojn tradukitaj de hispanaj esperantistoj:

SPIRITAJ EKZERCADOJ, Sankta Ignacio de Loyola, trad. E Maynar, 15 ptojn.

DON KIĤOTO DE LA MANĈO EN BARCELONO, M. de Cervantes, trad. F. Pujulá y Vallés, 10 ptojn.

ETERNECO, Navarra Legendo originale verkita, A. Núñez Dubús, 10 ptojn.

LA MALPRUDENTA SCIVOLULO, M. de Cervantes, trad. L. Hernández, 30 ptojn.

SANGO KAJ SABLO, V .Blasco Ibáñez, trad. R. Salas, 60 ptojn.

Plurkoloraj, belaj Kristnaskaj kartoj laŭ jenaj formatoj:

| | |
|---|---|
| Poŝtkarta formato ... ... ... ... ... ... ... | 2,— ptojn. |
| Falda formato ... ... ... ... ... ... ... ... | 2,50 » |
| Falda formato kun koverto ... ... ... ... | 3,— » |

# CENT ESPERANTO-LIBROJ EN PUBLIKA BIBLIOTEKO

La pasintan 10 de julio efektiviĝis en la nova Biblioteko de la loka Institucio «CAJA DE AHORROS DE SABADELL», la inaŭguro de Sekcio de libroj en Esperanto, kiun ceremonion ĉeestis la nederlanda esperantisto J. Ph. Punt, el Utrech, en akompano de sia edzino kaj de kelkaj estraranoj de la urba Esperanto-klubo.

Antaŭ du jaroj S-ro. Punt vizitis la nomitan Bibliotekon kaj lin tiom favore impresis ĝia grandioza stoko da libroj kaj la moderna aranĝo de la salonoj, ke li proponis donaci certan kvanton da libroj eldonitaj en Esperanto kun la celo starigi en ĝi specialan libro-fakon. Konsekvencaj al tiu altruisma ofero, H. E. F. kaj iu enlanda Esperanto-klubo, kune kun la lokaj esperantistoj sumiĝis al lia iniciato kaj kolektis entute 100 librojn, kiujn oni liveris okaze de la menciita evento.

La ceremonion apertis S-ro. Puig per enkondukaj vortoj pri la motivo de la vizito. Tuj sekve la Esperanto-kluba sekretario S-ro. Serrano, klarigis la detalojn inspirintaj S-ro. Punt realigi tiel delikatan agon. Poste, la donacinto faris brilan paroladon en Esperanto dum kiu li transdonis la librojn, esprimante precize kaj elegante sian ĝojon liveri ilin por la Biblioteko de la Institucio. Respondis al li, nome de la Biblioteko, la Direktoro de la Kultura Agado de «CAJA DE AHORROS DE SABADELL», S-ro. Ripoll, kiu en konciza kaj elokventa parolado dankis S-ron. Punt pro lia altruismo, kaj certigis, ke tiuj ricevitaj libroj nepre fariĝos la kerno de ampleksa, speciala fako, kiu restos al la dispono ne nur de la esperantistaro, sed ankaŭ de ĉiu kultur-amanto, kiu interesiĝas pri la Internacia Lingvo.

Inter la libroj donacitaj figuras belega eldono dulingva de la «Dia Komedio» kaj verkoj de Shakespeare, Molière, Cervantes, San Ignacio de Loyola, Gogol, Dickens, Chesterton, Andersen, Zweig, Anna Frank, la Papoj Johano XXIII kaj Paŭlo VI, literaturaj antologioj de diversaj landoj, gramatikoj, vortaroj kaj aliaj verkoj, kelkaj el ili originalaj en Esperanto.

Ĉe la finiĝo, S-ro. Punt kaj lia edzino detale vizitis la instalaĵojn de la Biblioteko, kiun ili povis travidi dum plena funkciado, en akompano de la Direktoro kaj bibliotekistinoj, kiuj poste ĝentile adiaŭis geedzojn Punt.

*Raportis: VELUS. Sabadell (Barcelona)*

## NEKROLOGO

JOSE SASTRE LAGO

Víctima de un accidente de automóvil ocurrido el 17 de julio, en Alhama de Aragón, falleció D. José Sastre Lago, activo miembro del Grupo Fido kaj Espero de Valladolid y de la Federación Española de Esperanto.

Fue Vicepresidente del Comité Local Organizador del 23 Congreso Español de Esperanto, celebrado en Valladolid el año 1962, en cuyo cargo desarrolló una gran labor. Explicó varios cursos de Esperanto en el Grupo local, últimamente, el primero celebrado en el nuevo domicilio social.

Entusiasta esperantista, estaba siempre dispuesto a colaborar con todos.

Descanse en paz el buen amigo y dediquémosle un piadoso recuerdo con una oración.

A su viuda y al Grupo Esperantista de Valladolid, enviamos la expresión de nuestra más sincera condolencia.

# " ... E PUR SI MUOVE"

En aperinta **BOLETIN** de **Marto-Aprilo 1967**, **oni povis legi ses nekrologajn** notojn de ĵus malaperintaj pioniroj, **kaj** emocian rememoraĵon al la morto de la Majstro, ĝuste okazinta antaŭ 50 jaroj.

Unuavide, la supraĵa legado de tiu ekzemplero povis esti iom korprema pro la perdoj suferitaj en niaj vicoj, sekve de la altaj meritoj ĉirkaŭantaj la personecon de iliaj raportitoj.

La morto de la Majstro okazis en momentoj plej *nigraj* de la Eŭropo en militado dum 1917. Nia afero ŝajnis por ĉiam esti droninta en tiu masakro. Sed post la Majstro restis multaj esperantistoj, pretaj, kiel la itala fizikisto Galileo, pruvi ke «*...tial ĝi sin movas*». Kaj ĝi, nia afero, kiel La Tero, daŭras sin movi, «Malgraŭ Ĉio», kiel trafe titolas sian artikolon Sro. S. Gumá, en la sama numero citita de BOLETIN.

Mi kuraĝas aserti, ke la vorto *movado* prenis tiun ĉi sencon post la eldiro de Galileo, en sia fama retrakto antaŭ la juĝantoj de liaj teorioj fizikaj pri La Tero. Ni danku al la de longe malaperintaj unuaj pioniroj, la alprenon de tiu ĉi vorto por alnomi nian faktan, konstantan, *fizikan* celon: *la esperantista movado.*

La historiistoj alprenis la sistemon instrui laŭ la epokoj, dum kiuj vivadis tiu aŭ tiu alia reĝo. La esperantistoj, se iam aperas *niaj historiistoj,* certe devos uzi la pacan interregnon ĝisvivitan inter du grandaj militoj. Ĝis 1914, ni devus haltigi nian unuan epokon, kiu certe estis brila kaj promesa, speciale markita de kompetenta gvidado, fare de profesiaj universitatanoj. Parizo, Dijon, Boulogne; tri nomoj de francaj urboj, kie vera elito de pioniroj mirinde antaŭenpuŝis nian aferon. Kiu povos foliumi nuntempe la tutan kolekton de «La Revuo», konstatos nian ĵusan aserton.

La duan epokon de nia historio ni devus lokigi inter 1920 kaj 1939, kiam nia movado denove *sin movis,* malgraŭ malpaco reganta dum 1914-1918. Kaj nun, kiam ni troviĝas antaŭ la fino de la sesa jardeko de nia jarcento, komencas malaperi de niaj vicoj la lastaj herooj de tiu dua epoko. (Utopiistoj, Viziuloj, en sia landeto; Gigantoj, en nia movado).

**Estas la epoko de U. E. A., de SAT-movado, de Literatura Mondo, de Heroldo de Esperanto, de brilaj kaj fruktodonaj Universalaj Kongresoj. Multaj pioniroj,** *patroj* **de la cititaj organizaĵoj, suferis la konsekvencojn de la lasta granda milito, ĉar, aŭ ili ne ĝisvivis ĝin, mortis pro ĝi, aŭ revenis el ĝiaj militaj aŭ koncentrigaj kampoj kiel homaj ĉifonaĵoj.**

Ne estos superflua retoriko, se ni dediĉas kelkan spacon por diri kelkajn aldonajn frazojn je la memoro al la ĵus malaperintoj, el kiuj, du el ili, havis rangon internacian, kaj du aliaj, faris silentan laboron en nia lando.

*JULIO BAGHY*, la hungara verkisto, malaperas de niaj vicoj je la 76-a. jaraĝo. Longan vojon li faris en nia movado, depost sia esperantiĝo en 1911, kaj ankoraŭ pli profunda estas lia sulko en nia literatura kampo. Vera agitisto, bonega teatroaktoro, kaj plej rimarkinda poeto en nia lingvo. Lia unua kolekto de poemoj «Preter la Vivo», en 1922, ne nur malkovras al ni novan kaj inspiritan poeton, sed ankaŭ ian rompon kun la antaŭaj ligaĵoj, kiuj katenis nian poezian lingvaĵon. La pola Grabowski (ni aludas epokon antaŭ 1910), en siaj unuaj tradukoj, iniciatis kun certa kuraĝo la malkateniĝon de la esperanta versfarado. Baghy plilarĝigis la kampon, sed nun ĉe la originala verkado. El tia sinteno, pli poste (1925), naskiĝos la grupo kiu ebligos la eldonadon de vera beletristika revuo: «Literatura Mondo». Apud ĝi, en Budapest, komencas pulsi tute nova panoramo de nia literaturo, neniam antaŭe atingita. Alia urbo en Eŭropo ankaŭ pulsas pro nia literaturo: Barcelona, kun la preskaŭ ĉiujaraj literaturaj konkursoj, organizitaj laŭ la maniero de la mezepokaj trobadoroj. Nia poeto Baghy, kiel pli poste ankaŭ lia samurbano Kalocsay, atingis en 1923 la ĉefpremion «Natura Floro», pro lia inspirita ama poemo «...Dolora Deziro».

Nia plorata Baghy havis seninterrompan agadon en nia movado, malgraŭ ĉiuspecaj kontraŭaĵoj travivitaj en sia hungara lando. Liaj poemoj, noveloj, romanoj kaj senombraj verkaĵoj pulsas sub lia propra homa tragedio, kies kaŭzoj fundamentaj naskiĝis en tiuj malfruaj jaroj de militkaptiteco en Siberio, en la

jaro 1916. Ni honoru lian karan devizon «Amo kreas pacon, Paco konservas homecon, Homeco estas plej alta idealismo», per reprodukto de versaĵo al li dediĉita kaj verkita de nia neforgesita enlanda esperanto-poeto J. Grau Casas, en la jaro 1936.

*AL JULIO BAGHY*

Per *frosto, mizero, veado* kaj *larmo*
kovriĝas la perloj de via inspir'.
Sed tamen en ili ne estas malvarmo:
nur — arda sopir'!

Sopiro je nobla, perfekta Homaro,
ne plu makulita de sang' kaj mizer';
de paco, justeco, felic' — granda maro
tra tuta la ter'.

Deziro je frata rilat' inter homoj
kaj inter popoloj; de vir' al virin';
amema kunigo de ĉiuj atomoj
de l' spaco sen fin'.

Kaj dume kor' via — la centro de Amo —
suferas pro ĉia doloro kaj ĝem'.
Sed ĉiu fajrero de via korflamo.
fariĝas poem'.

*J. R. G. ISBRUCKER,* nederlanda pioniro, kies meritplena talento tiom multe helpis al nia afero, en tiu konata urbo, sidejo de internacia tribunalo: Hago. Li, kune kun sia edzino Julia, centrigis la atenton de nia movado dum multaj jaroj. Liaj plej konataj fruktodonaj laboroj estis: reflamigi la cindrojn de nia movado post la milito 1914-18, kaj konsekvence, la organizo de U. Kongreso en Hago, kies Prezidanto li merite fariĝis. Li poste, la fondo de Esperanto-Domo en Arnhem, kaj la planigo de revolucia metodo instrui rekte esperanton, laŭ la metodo de pastro Cseh. Prezidanto de la Akademio dum multaj jaroj, li havis apud si kiel Vicprezidantojn, du inspiritajn poetojn: Julio Baghy kaj J. Grau Casas. Ni ĉiam restos ŝuldaj al liaj grandaj kaj senlacaj klopodoj por nia movado, sed la nederlandaj samideanoj perdis unu el la plej elstaraj fervoruloj, sub kies modesta sinteno sin kaŝis prestiĝa personeco.

*TEODORO ELIZONDO CALERA,* unu el la fervoraj samideanoj el Bilbao, kiu en la komencaj paŝoj de nia movado en tiu parto de nia lando planktis la verdan standardon. Kiam ni intencas rekopili mense la staton de nia afero en la vaska lando, la binomo Allende-Elizondo aperas kiel malproksima rememoraĵo. La aktualaj esperantistoj el tiu urbo havas veran spegulon, kiu en ĉiu momento reflektos la imitindan sindonemon kaj kapablon de la unuaj esperantistoj de la frua epoko. La nekrologo, al li dediĉita de samurbano, bone kondensas la ĉefajn trajtojn de nia malaperinto. Se en diversaj epokoj la Grupo de Bilbao *malvivis* sian ekzistadon, ĉiam restis al ni ĝia konstanta reprezento en la persono de samideano Elizondo.

*SEBASTIA ALBERICH JOFRE,* unu el la plej kapablaj samideanoj, ankaŭ foradiaŭis nin. Li donis pozitivan sencon de praktikeco al ĉiuj entreprenoj proponitaj, kaj flankenlasis la projektojn sen realiga perspektivo.

Dank' al lia plena kunlaboro kaj persona estreco, nia landa movado atingis elstaran pozicion ĉe la internacia kampo esperantista, antaŭ 30 jaroj. Li formis parton de tiu koncentra grupo de spertaj literaturamantoj, kiuj en la jaro 1925 surprizis la internacian movadon per aperigo de 400-paĝa volumo, en eldono bibliofila, t. e., en linpapero kaj 500-ekzemplera: «Kataluna Antologio» (1-a. eldono, elĉerpita en 1928. En 1926, rekomendita de la Lingva Komitato).

Ne ekzistis flatemo, kiam en 1926 kaj sur la paĝoj de Heroldo de Esperanto, S-ro. Max Butin, L. K., komence de sia recenzo pri la verko «K. A.» diris, ke «el du fontoj fluegas abunde la nektaro de arto kaj poezio en nia esperanta literaturo: Barcelona kaj Budapest». Kaj nia neforgesebla amiko Alberich apartenis al unu el tiuj du fontoj, kies unuaj elfluoj komencis jam tre antaŭe, ĉe la organizado de pli ol deko da Internaciaj Floraj Ludoj, en la kadro de regionaj kongresoj en diversaj katalunaj urboj.

Esperanto estis en li, lia vere *dua* lingvo, en formo aktiva, buŝe kaj sbribe, kore kaj konscie. Atestas niajn asertojn, liaj sennombraj tradukoj, rakontoj, recenzoj sub pseŭdonimo SALJO, liaj neatenditaj salutparoladoj, fluaj, precizaj, kun propraj frapantaj nuancoj.

La Barcelona esperantistaro perdis unu el la lastaj defendantoj dum tiu aludita *dua epoko,* kaj ni povus fini tiun ĉi artikolon kun la penso fiksita en la vortoj, kiuj memorigas al la Londonanoj —kaj honore al la militaviadistoj—, ke «*neniam tiom malmultaj, faris tiom por tiom multaj*».

*EDCA. Valencia,* 1967

## DANKESPRIMO

Multaj, multegaj estis la telegramoj kaj salutleteroj, kiujn ni ricevis okaze de nia 28ª Hispana Kongreso de Esperanto, en kies Generala Kunveno, oni legis ilin antaŭ la ĉeestanta samideanaro, kiu elmontris sian dankemon pro la kuraĝigaj vortoj kaj bondeziroj, pere de varmoplena aplaŭdado.

Antaŭ la neebleco respondi al ĉiuj afablaj sendintoj, ni sendas al ili la esprimon de niaj dankemo kaj amikaj sentoj.

Nun, nome de la zaragozaj esperantistoj, mi dankas speciale, al la partoprenintoj en la Kongreso, kiuj malgraŭ la eksterordinara varmo, ne dubis veni al Zaragoza; per ilia ĉeesto briligis nian Kunvenon kaj omaĝis nian Prezidanton, kiu samtempe estas la Prezidanto de H. E. F., asocio kiu jaro post jaro organizas tiajn kunvenojn.

Por ĉiuj KORAN DANKON!!! Kaj... Ĝis Madrid!!!

## Grupo Esperantista de Bilbao

Según amable comunicación de su secretario, Sr. Larrouy, ha sido aprobada la nueva Junta Directiva que ha de regir este Grupo, quedando constituida por los señores que se reseñan a continuación:

PRESIDENTE: D. Luis de Otaola Faón.
VICE-PRESIDENTE: D. Luis María de Barandiarán.
SECRETARIO: D. Eduardo Larrouy.
VICE-SECRETARIA: Srta. María Angeles Pinedo.
TESORERO: D. José Ramón Imatz.
VICE-TESORERO: D. Francisco García.
VOCALES: D. Pedro de Icaza.
D. Rafael Palacios.
D. Juan Liceranzu.
D. Mariano Izaola.
D. José Luis Bringas.
D. Pedro Molina.

# ESPERANTO AL INFANOJ



Esperanto deviga ekde la primara instruo por konvena disvolviĝo de la infanaj cerboj, ilia preparo al la sinsekvaj studoj, fundamenta bazo al fundamentaj principoj moraj kaj moralaj.

Esperanto kun siaj 16 reguloj sen esceptoj kaj kriterie reduktita vortaro estas fundamenta veraĵo sur kiu baziĝas rezonado kaj konduto. Ĝi gvidas sen devioj, akompanas sen perfortoj, instruas sen implikoj, kontaktigas la infanojn al elementoj kapablaj *fari ilin mem siaj propraj eksplikantoj.*

Akompanu min, mi petas, akompanu mian klarigon.

*Plori, manĝi, vivi, ridi, karesi, bati,* ktp., ktp., estas vortoj kies radikoj enhavas internacian ideon, ĉiu el ili montras unu ideon internacian nacie vestitan laŭ la lingvo kaj, en nia kazo, duoble vestitan, nacie kaj internacie.

Sed la aŭtoro de l' Esperanto inspire favoris la morfologian kampon, zorge disfokusigante la homajn internaciajn ideojn kaj donante al ĉiu el ili propran nomon. Admirinda la ĝeneraligo de la afiksa materialo! Rimarku:

*Ebleco, emeco, indeco* k.a. kaj *diseco, igeco, iĝeco* k.a. estas vortecigitaj afiksoj kiuj enhavas internaciajn ideojn. La ideoj mem estas internaciaj, la homoj interŝanĝas ideojn internaciajn, la pozitivismo de la internacieco estas absoluta. La interkomplikado devenas, ne de la ideoj, sed de la mil manieroj kiel la homoj tradicie interŝanĝas naciigitajn ideojn internaciajn.

Saniga rimedo: La oficialigo de la helpa lingvo ESPERANTO flanke de ĉiu nacia lingvo. Al ideoj internaciaj, lingvo internacia.

Daŭras la klarigo. Filozofoj, matematikistoj, profesoroj de lingvoj precipe de la latina, pastroj, ktp., ekde la 12a al la 19a jarcentoj, prilaboris la interesan temon antaŭ kaj post 1887. Eĉ kelkaj prezentis febre tri, kvar, siajn kvin artfaritajn lingvojn, neante senhonte antaŭajn verkaĵojn. Nur la inspiro de Zamenhof (D-ro. Ludoviko Lazaro Zamenhof) trovis la solvon de la problemo, donacante al la homaro la duan lingvon de ĉiu popolo. Esperanto publike aperis, cenzurita de la aŭtoritatoj de Varsovio, en la 21a de Majo 1887.

Prilaborante preskaŭ ducentojn el tiuj lingvoj, palpante kaj komparante la animon de la diversaj epokoj, honeste kalkulante procentojn, mi konstatis ke 22 % el la lingvoj de la dua periodo, t.e., inter 1887 kaj 1946, baziĝis sur Esperanto. Feliĉa trafo, ĉu? Kaj mi konkludas:

Esperanto envojigas la infanon per vojoj sen labirintoj. Tio, kio estas, estas, ne povas esti aliaĵo. Laŭbezone la infano aglutinas elementojn. Ĉu misrezultas? La eraro mem devigas la pensanton al ĝustigo. Jen agema lia observemo, jen ordiga lia metodo kaj aktiva, utile aktiva lia spirito.

Esperanto simpligas ĉion, donacas al la bonvolo de ĉiuj tutmondaj internacianoj, sen endanĝerigi naciecojn, la necesan rimedon al kiel eble pli urĝa kompreniĝo.

*SALDANHA CARREIRA*

## ✳ Ni legis por vi...

*Kun la defendantoj de Kon Ko.* De Ngujen Khai, Fremdlingva Eldonejo, Hanojo-Vjetnamio. 1967. 115 paĝoj, 19 x x 13 cm.

Novelo, kiu rakontas pri la heroaĵoj de la defendantoj de Kon Ko, «Insulo de l' herboj», kontraŭ la atakoj de usonaj militŝipoj kaj aviadiloj.

Tiu insuleto, situanta je tridek kilometroj for de la kontinenta Nord-Vjetnamio kaj proksime de la 17ª paralelo, kvankam ampleksas nur kvar kvadratkilometrojn, tamen, depost la komenco de la usona-eskalado, fariĝis morala bastiono por la tuta popolo pro siaj impetaj rebatoj kontraŭ la ĉiutagaj bombardadoj de tiel potenca malamiko.

En tiu malŝirmata antaŭposteno de sia lando, ties defendantoj heroe batalas, kvazaŭ tio estus lia normala vivo. Tiuj junuloj, pli malpli dudekjaraĝaj, plenaj de batalvolo, preskaŭ ne konis veran pacon, ĉar la unua rezistado kontraŭ la francaj koloniistoj ja okazis dum ilia infaneco. Tre sobraj pro kutimo, ili ne multe bezonas por sia nutrado. Akvo kaj rizo sufiĉas, sed, krom tio, ili havas abunde kraboj kaj sovaĝaj legomoj kaj herboj por regali sin. Kovritaj per toloj de usonaj paraŝutoj kiel pluvaj ŝirmiloj, bone kamuflitaj per lianoj kaj ĉiam en tre malgrandaj grupetoj, ili ne facile povas esti trafitaj de la malamiko kaj, tiel, la insula malsanulejo ordinare estas preskaŭ malplena. Foje, post furioza artileria duelo, dum kiu la insuleto estis batita per tunoj da bomboj kaj centoj da raket-kugloj, iu komentarias: «Ĉio ĉi tio nur estas vanta disperdo de municioj. Kiel mallertaj ili estas!»

Simpla rakonto kun simplaj batalantoj, plenfidaj pri sia venko, por kiuj la morto nur signifas gloran akcidenton.

La verko estas bone presita kaj flue skribita, kvankam, eble pro influo de sia nacia lingvo, oni tro ofte uzas la prezencon en la verbaj tempoj.

*J. Devís*

---

***Esperanto-English Dictionary*** **(vortaro Esperanto-Angla), de Montagu C. Butler. Eldonis BEA, Londono, 1967. 450 p. 18 x 12 cm., bindita. Prezo 250 ptoj.**

*Freŝa mateno.* Romano de Reuven Kritz, el la hebrea tradukis Ota Ginz. Eldonis. Libroj «PURA». Israel, 1967. 280 p. 18 x 11 cm., ilustrita, bindita. Prezo 108 ptoj.

---

*Universala Skribo,* fare de Manuel Halvelik, Normlingva Serio n.º 2. Unua eldono 1966. 128 p., 21 x 15 cm. Prezo 30 steloj, 150 ptoj.

---

*La Kaŝmira Kanto.* Legendo de Ŝaraf Raŝidov, tradukis Petro Poliŝĉuk. Eldonis, Komisiono de esperantistoj, Taŝkent 1967, 26 p., 23 x 15 cm., ofsetita. Prezo ne indikita.

---

*Japanujo, Hieraŭ kaj Hodiaŭ.* Turisma broŝuro, eldonita de Kompil-komitato de Japana Gvidlibro. Nagoja, ŝoŭaku, Tohata-ĉo I-51. ĉe Tokai Esperanto-Ligo. Prezo 20 ptoj.

---

*Fabelo de iu maljunulo!, Iun tagon ĉe Generala Konferenco de la Unuiĝintaj Nacioj, -Japanio transformis la memdefenda fortaron en la pacprosperigan korpuson.* Broŝuro trilingva (japana, angla, Esperanto), eldonita de La Societo por Pacprosperiga Politiko de Kontraŭmilita Japanio. Prezo ne indikita.

---

Junul-kurso. *Ejemplos de pronunciación. Serie de 5 discos flexibles, 33 r/m, 18 cm diam., dobles. Editados por SAT-Amikaro, París, 1967. Precio de la serie: 150 ptas.*

Buena idea la que ha tenido SAT al editar estos discos, como complemento a su método de Esperanto, JUNUL-KURSO Ilustrita. De este modo todos aquellos que al vivir en pueblos o ciudades donde no hay esperantistas se ven obligados a aprenderlo por sí solos, encontrarán en estos discos una gran ayuda para aprender prácticamente la pronunciación del Esperanto, ya que en la serie de cinco discos están contenidos ejemplos de pronunciación de las 20 lecciones de que consta el curso.

Un buen complemento para un buen método.

---

*Lexicón Sopena.* Poŝvortaro Esperanta - Hispana, Hispana - Esperanta, de J. Paluzie-Borrell. Eld. Sopena, Barcelona, 1967. 381 p. 14 x 8 cm. Prezo 1,25 gld. 20 Ptoj.

Recenzo sekvos.



# GRUPO FE y ESPERANZA

Parte de los participantes en la excursión organizada con éxito a Avila y las Cuevas del Aguila.

Ultimamente las actividades de la sociedad esperantista de Valladolid fueron verdaderamente interesantes.

A un curso elemental de la Lengua Internacional bajo la dirección del señor Gil Contreras, celebrado del 23 de abril al 23 de junio, asistieron buen número de alumnos.

Dos excursiones, ambas con gran éxito, fueron celebradas. La primera a Toledo, con ocasión de la festividad del Corpus Cristi, el 25 de mayo, donde los excursionistas pudieron ver la belleza de la Custodia de Arfe y admirar los adornos de la ciudad, entre ellos bellísimos «mantones de Manila». También se visitaron algunos monumentos de esa ciudad, que es toda ella monumento. Citaremos: la catedral, la iglesia de Santo Tomé, donde está la más famosa pintura del pintor mundialmente conocido «El Greco»; «El entierro del conde Orgaz»; el Alcázar, etc.

La segunda, el 25 de junio, a Avila y las Grutas del Aguila, permitió a los participantes ver las murallas de la ciudad y la catedral, bellísima construcción de estilo románico-gótico con el sepulcro del Obispo «Alonso el Tostado» y gozar y admirar la belleza natural que son las Grutas del Aguila.

De esta manera el Grupo «FE Y ESPERANZA» contribuye según sus posibilidades al Año del Turismo Internacional y también hace propaganda de Esperanto, porque entre ambas excursiones se distribuyeron más de 70 folletos informativos entre excursionistas no esperantistas.

Finalmente debemo citar la visita a nuestro domicilio social de esperantistas de Madrid, Oviedo, Palencia y Japón.

*L. HERNANDEZ*

---

# RAPORTO PRI LA LABORPERIODO 1-an de JULIO 1966 a 30-an de JUNIO 1967 a, DE LA HISPANA ESPERANTO FEDERACIO

Denove ni alvenis al la momento prezenti al via konsidero, raporton pri la agado de H. E. F. dum la laborperiodo 1-an de julio 1966a - 30-an de junio 1967a.

La esperantista aktiveco de la Federacio daŭrigis regule.

Pri la disvolviĝo de la 27a H. E. Kongreso okazinta en Bilbao, ne estas necese ke ni parolu; siatempe, vi ĉiuj sciis pri ĝia sukceso, pere de BOLETIN, same kiel plej poste, se vi atente tralegis la kontojn prezentitaj de la Kasistino de H. E. F., vi povis konstati la —ni diru— efikan administradon de la L. K. K.; kvankam la Estraro de H. E. F., jam gratulis kaj dankis al la Bilbao-aj esperantistoj, pro ilia sindonemo, ni deziras publike esprimi nian gratulon kaj dankon.

Nun mi informos vin pri la agado de H. E. F. laŭ la ĉefaj fakoj:

1e. **BOLETIN.**

La aperado de BOLETIN, daŭrigis laŭ dato regule; tio pruvas ke ĉio funkcias normale. Pro la ĉiam kreskanta intereso, vekita de BOLETIN eksterlanden, pro la bezono de pli granda spaco por la eksterordinara informado kiun ni devos doni al vi, okaze de la 53a U. K. okazonta en Madrid, pri la antaŭkongresaj laboroj, kaj al la tutmonda esperantistaro pri nia lando —historio, kulturo, moroj...— por ke ili pli bone konu nin, kaj ĉefe, ĉar ni deziras ke la membroj de la Federacio, estu informitaj pri ĉiuj okazintaĵoj de Esperantujo, estis necese pligrandigi la nombron da paĝoj de BOLETIN. Je ĉi tiu okazo unu pluan fojon ni devas danki al nia samideano S-ro. Boloix, kiu multe helpas por ebligi la efektivigon de kio estas vera bezono.

2-e. **KASO.**

En la 21a numero de BOLETIN, la Kasistino de la Federacio, prezentis kontojn; do, vi ĉiuj konas ilin. Bedaŭrinde, pasintjare, nia espero, ke la kotizoj sufiĉu por la normalaj elspezoj, estis nur espero, kiu ne fariĝis realaĵo. La plialtigo de la poŝta afranko sufiĉis por ke ni ne plu povas ripeti tiun frazon: «Ankoraŭ ĉijare la kotizoj sufiĉos por la normalaj elspezoj. Tamen, mi ripetas kiel pasintjare; ni petas nenion, kaj ni kore dankas vian helpemon kaj komprenemon. Ambaŭ ni ĉiam trovas en la H. E. F.-anoj kaj ĝenerale en la hispanaj esperantistoj. Eble vi pensas ke la fina bilanco estis sufiĉe kontentiga, kaj mi diras: Jes, sed la bilanco povis esti tia dank' al la eksterordinaraj enspezoj, kaj sur ĉio dank' al Libroservo.

3-e. **SEKCIOJ DE H. E. F.:**

FERVOJISTA ASOCIO (H. E. F. A.). La Asocio en la fervojistaj medioj daŭrigis sian aktivan agadon; en diversaj urboj organizis Esperanto kursojn en kulturaj societoj kaj en tiuj urboj —ekzemple Madrid— kie ekzistas «Fervojista Grupo», en la sidejo de la Grupo, tuj kiam la kurso finiĝas, denove oni komencas alian. La Superaj Instancoj de RENFE ĉiam sin montris favoraj al Esperanto, kaj antaŭ la grava evento kiu estos efektivigo de Universala Kongreso de Esperanto en España, kaj la grava respondeco ke por la hispanaj esperantistoj, tio reprezentas, unu pluan fojon promesis kunlaboron. La hispanaj esperantistaj fervojistoj konsciantaj de ilia rolo en tiu kunlaboro, discipline sin preparas pere de kursoj, ktp., Kvankam ankoraŭ ne aperis, pro kaŭzoj kiuj ĉi momente ne interesas,

kaj nun, ni antaŭ la 53ª, eĉ ĝojas pro tiu prokrasto, mi sciigos al vi ke jam antaŭ ol —ni diru— pensi en okazigo de U. K. en Hispanujo, H. E. F. A. pere de ĝia vigla membro S-ro. Ortiz atingis de RENFE ke estu eldonita en Esperanto la bela broŝuro «VIAJAR POR ESPAÑA ES FACIL». Ni konis la aferon pere de S-ro. Ortiz, sed jam la 1-an de decembro 1965ª, S-ro. José Saladrigas skribis al la Federacio nome de HEFA, kaj la 26-an de februaro 1966, mi, kiel HEF Sekretariino komunikis al HEFA pere de S-ro. Saladrigas ke la broŝuro estis tradukita de la esperantista fervojisto S-ro. Demetrio Berges Marias.

HISPANA ESPERANTO AŬRORO: Tiu sekcio daŭrigis siajn kutimajn aktivaĵojn, pri la ĉefaj okazintaĵoj ni siatempe raportis en BOLETIN En la informa kampo, la prezidanto de ĉi tiu sekcio S-ro. Figuerola bone laboris, tial vide al la Universala Kongreso okazonta en Madrid, ni petis al S-ro. Figuerola ke li akceptu aparteni al LKK. kiel komitatano por informado enlanda.

JUNULARA SEKCIO (H. E. J. S.): Regule eldonis sian junularan bultenon. La H. E. J. S. Delegacio en Barcelona organizis Esperanto-kursojn, prelegojn kaj ekskursojn.

INFORMA OFICEJO DE H. E. F.: Sub la rekta gvidado de S-roj Molera kaj Aragay, daŭrigis sian laboron. Krom tiu laboro, la Estraro de H. E. F. en kunlaboro kun la redaktoroj de BOLETIN, daŭrigis la informan laboron entreprenitan pasintjare.

4-e. LIBROSERVO.

Kiel mi diris pasinjare la disvendo de Esperantaj libroj kontentige progresas. Ni pro tio ĝojas ĉar estas la plej bona pruvo ke la federacianoj estas kontentaj pro la servo.

Por la fino mi lasis informi vin pri la agado de la Estraro rilate al la ĝeneralaj aferoj de H. E. F.

Pri la 53ª Universala Kongreso okazonta en Madrid, ni devas mencii kiel plej elstara atingo, la akcepton flanke de nia Ŝtatestro de la Honora Prezidanteco de la Kongreso.

La Estraro de H. E. F. petis oportunan permeson por okazigi TEJO kongreson en Tarragona venontjare, kaj nun esperas de HEJS ke la efektivigo de la Kongreso estu ja sukcesa. Vide al TEJO Kongreso HEF eldonis informan turisman broŝuron en Esperanto, pri Tarragona, la broŝuro estis tradukita de S-ro. Jaime Aragay Pujols.

FIOCES, estas internacia asocio por studentaj interŝanĝoj. UEA multe deziris aparteni al FIOCES. Kiam la reprezentanto de UEA estis informita pri okazigo de FIOCES-Kongreso en Madrid, skribis al HEF por ke ni serĉu taŭgan personon kiu reprezentu al UEA en tiu Kongreso. HEF estis bonŝanĝa, ĉar tuj trovis tiun personon: D-ro. Jesús Liaño Pacheco, kiu nur en tri tagoj devis trastudi la tutan aferon kaj sciis prezenti ĝin al FIOCES tiamaniere, ke UEA estis unuanime akceptata kiel membro de FIOCES.

Kompreneble ni bone scias ke tiu, ne estas atingo de HEF, ĝi estas atingo de UEA, sed ni ĝojas ke HEF povis kunlabori en tiu grava afero pere de hispana esperantisto, tiel kompetenta kia estas D-ro. Jesús Liaño Pacheco.

*I. GASTON*

# JUNULARA RESTADEJO



*En tre bela loko de la ĉirkaŭaĵoj de Monistrol, proksima al fama monto Montserrat, situas la konstruata Esperantista rifuĝejo*

En la marto-aprilo 1966, n.° de BOLETIN, ni aperigis noteton kiu tekstis jene:

«La Junulara Sekcio de HEF intencas konstrui HEJS-Restadejon; rifuĝejo kies nomo estos «HEF JUNULARA RESTADEJO ESPERANTISTA HEJS».

Je la komenco de ĉi tiu jaro HEJS komunikis al la Estraro de HEF ke fine, la konstruado estis komencita.

Apenaŭ kelkaj monatoj pasis, kaj malgraŭ ĉiaj malfacilaĵoj, la Junulara Restadejo estas preskaŭ finita kaj parte jam utiligebla, dank' al la persistemo kaj laboremo de niaj junaj gesamideanoj.

Vera sukceso de HEJS —Junulara Sekcio de HEF—, je ĉi tiu okazo vera sukceso de ĝia Delegacio en Barcelona, kiu volonte akceptos ĉiujn vizitantojn.

Nian koran gratulon al ĉiuj, sed speciale al la Prezidanto de HEJS. S-ro. Salvador Aragay.

Informos: HEJS-Prezidanto, Salvador Aragay, str. Arce, 8, 2.°, 4.ª. CORNELLA (Barcelona) kaj en Departamento Esperanto de Club Amigos de la UNESCO, Kunvenejo de HEJS, str. Lauria, 12-14, 1.°, 2.ª. BARCELONA-10.



*Antaŭ la rifuĝejo «HEF JUNULARA RESTADEJO ESPERANTISTA HEJS» niaj gesamideanoj pozas feliĉaj por BOLETIN*



## PAPO BENAS PORESPERANTISTAN PENTRAĴON

La 22-an de februaro la roma esperantista grupo partoprenis al la ĝenerala papa aŭdienco en la Sankta Petro-Baziliko, portante la ĵus pentritan bildon de «Nia sinjorino de la espero», Patronino de la Esperantistoj, por ke la pentraĵo ricevu benon de la Papo. Ĉeestis ankaŭ la dominikana P. Arcangelo Intreccialagli, pentristo de la verko. Antaŭ la alveno de Lia Sankteco oni metis la bildon sur la porbenan tablon kune kun ĉiuj aliaj objektoj destinitaj por la beno. Kaj post la parolado de la Papo al la ĉeestantaro, kiam li benis ĉiujn personojn kaj iliajn religiajn objektojn kunportitajn, ankaŭ la bildo ricevis la solenan benon. La bela pentraĵo, alta 1,70 m, altiris admiron de multaj personoj; kaj ĉe la okazo oni disdonis la unuajn kolorajn bildkartojn de la Madono.

*Plurkolorajn bildkartojn de «Nia sinjorino de la espero», vi povas aĉeti ĉe Libroservo de H. E. F., po 3 ptoj ekz.*

## PLIAJ STATOJ SUBSKRIBIS KONVENCION DE UNESKO PRI DISKRIMINADO

Tri pliaj Ŝtatoj-Membroj —Aŭstralio, Peruo kaj Indonezio— subskribis la Konvencion kontraŭ Diskriminado en Edukado, kiun akceptis la Generala Konferenco de Unesko en 1960. La subskribo de Aŭstralio signifas, ke la Konvencio validos ankaŭ por ĉiuj teritorioj, pri kies internaciaj rilatoj Aŭstralio havas respondecon. La nombro de ŝtatoj akceptintaj la Konvencion nun atingis tridek ses.

La Konvencio malpermesas diskriminadon i.a. sur bazo de lingvo kaj rekonas la rajton de nacimalplimultoj, sub difinitaj kondiĉoj, je la uzado kaj instruado de la propra lingvo. (Laŭ Unesco Features kaj Informa Servo de UEA.)

# Unua Amatino

*Emilio Carere*



Mi ŝin atendadis
ĉe Sankta Mario.
Por vesperpreĝado
sonis sonoriloj.

Kiel Gretchen estis
ŝi blankblondulino,
ŝiaj haroj formis
du orajn plektitojn.

En la koro mia
ekfloris Aprilo.
Estis dekkvinjara
l' unua amatino.

Dekkvin jaroj! Kiaj
florantaj sopiroj!
Kian dolĉan senton
enhavis la vivo!

L' okuloj ekstazaj,
plektataj la fingroj
ĉe portalo ombra
de Sankta Mario

..............................................
..............................................

Kiel ondoj pasas
pasis tagaj listoj.
Ĉiuj foren portis
ŝiraĵojn de vivo.

Kiel tertavoloj
falis jarserio...
...Kvazaŭ de ŝi mem
ombra projekcio,
mi ŝin trovis porde
de Sankta Mario.

Du blondaj infanoj
kun ŝi kompanio.
Mia kor' pleniĝis
de melankolio.

Ŝi min rigardadis
per malgaja fikso.
Ĝojege ridadis
la nemiaj filoj.

Majo ekfloradis
en novaj animoj.
Revenadis ĉiu
la bela pasinto.

Sonoris l' antikvaj
dolĉaj sonoriloj
pro nia orriĉa
junec' en ruino...

Kaj, irante, pala
ŝi, per duba rido
malgaje, malgaje
sopiris:
La vivo!

*Tradukis*
*A. Núñez Dubús*



HUNGARUJO. — Salgótarján, O. T. P. P. F. 90, S-ro. Jancsár Róbert deziras korespondi kun hispana samidean(in)o. Liaj interesoj estas, filatelio, bildkartoj, foto, literaturo, florkulturo kaj sporto.

FRANCUJO. — 95-Benzons, 65 Route de Carrieres, S-ro. Mariano Ocaña Ortega, Hisp. eks-fervojisto, loĝanta en Francujo, 56 jara, deziras korespondi kun esperantistoj el la kvin kontinentoj. Interŝanĝi poŝtk-ojn, ferv. revuojn esperantajn kaj ideojn.

ĈEĤOSLOVAKIO. — *Letervesperon en novembro* organizos Esperanto-rondeto. Korespondproponoj pri ĉiuj temoj estas tre bonvenaj. Ĉiu skribinto ricevos dankrespondon. Skribu afable al: Adolf Stanura, por Esperanto-rondeto, Ĉkalovstrato 863, Ostrava-Poruba.

ITALIA. — *Nur interstene korespondas* C. Daglio en Costa Vescovato (Alessandria).

JAPANUJO. — 2-3-9 Mukoga-oka Bunkjo-ku, Tokio, S-ro. Tasuke Takahaŝi, deziras korespondi kun hispana esperantist(in)o.

ĈEĤOSLOVAKIO. — Bratislava (Slovakujo), *Luché Myloe*, 28, S-ro. Duŝan Belaŭk, agroteknika instruisto, deziras korespondi kun hispana esperantist(in)o.

RUMANIA. — Baia Mare of 2, Casuta Postala 21, Sro. Bozga Josif deziras korespondi kun hispana esperantisto.

BULGARUJO. — Plovdiv, str. Marŝal Folbuĥin 34, S-ro. Ivan Anastasov Kuzmanov, deziras korespondi pri diversaj temoj.

BELGUJO. — Brussel 1, Postbus 673, L. Van Den Briele, preparas verkon rilate al la temo «Milito kaj Paco en la Mondliteraturo». Personoj interesiĝataj en la sama temo aŭ kiuj povos havigi informojn, bonvolu skribi al la supra adreso.

JAPANUJO. — Tokio, *Higasi Mukoĵima* 3-16-4, Sumida, S-ro. Fusacugu Kido gvidanto de Esp.-Klubo Oojama Kooko deziras korespondi kun geinstruistoj pri diversaj temoj pri edukado, ne nur pri Esp. eduko. Ankaŭ deziras gekorespondantoj por la lernantoj de la Klubo. Li estas 32 aĝa kaj la gelernantoj 15-18 aĝaj.

POLLANDO. — Gnadsk 8, ul. Kepna 33/3, S-ro. Waldemar Mackiewecz, deziras korespondi kun juna hispana esperantisto.

---

## 53-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Madrid, 3-10 aŭgusto 1968

*Alta Protektanto: Ĉefgeneralo Francisco Franco, Ŝtatestro de Hispanujo*
*Konstanta Adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam, Nederlando*

*OFICIALA KOMUNIKO*

N.° 2 — Rotterdam, la 9-an de okt. 1967.

*Limdato.* — Ni atentigas ke la aliĝoj estas akceptataj ĝis la 25-a de junio 1968. Aliĝiloj, kiuj atingos la kongresajn perantojn aŭ la konstantan adreson post tiu dato, ne estos traktitaj.

*Infana Kongreseto.* — Samtempe kun la Universala Kongreso okazos la 11-a Internacia Infana Kongreseto. Rajtas partopreni infanoj de 6 ĝis 13-jaraĝaj. La kotizo, kiu inkluzivas ĉiujn kostojn dum la tuta semajno, estas 45,— ned. gld. Informoj kaj aliĝiloj estas riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso.

*Ekskursoj.* — La Loka Kongresa Komitato antaŭvidas tuttagajn ekskursojn al Escorial, Segovia kaj Toledo. Kvintaga Postkongreso okazos en Zaragoza. Detaloj aperos en venontaj oficialaj komunikoj kaj en la Dua Bulteno.

*Arta Festivalo.* — Artistaj grupoj aŭ individuoj, kiuj deziras partopreni en la programo, povas sin anonci ĉe la konstanta adreso ĝis la 1-a de januaro 1968. Por ke L.K.K. povu decidi pri la sinproponoj, necesas ke al ili estu aldonitaj rekomendoj de kompetentaj personoj aŭ instancoj kaj konkretaj pruvoj pri la nivelo de la sinproponintoj.

*Statistiko* (ĝis 9-10-1967. — Arg. 1, Aŭstral. 1, Aŭstr. 1, Belg. 6, Braz. 2, Brit. 14, Bulg. 10, Ĉeĥ. 1, Danl. 2, Finnl. 3, Franc. 21, Germ. 7, Grek. 1, Hisp. 24, Hung. 5, Ital. 10, Jap. 3, Jug. 14, Kan. 3, Monako 1, Ned. 15, Norv. 3, Nov-Zel. 1, Pol. 3, Port. 2, Sved. 12, Svis. 2, Usono 9. Entute 182 el 28 landoj.

*G. G. Pompilio*
*Konstanta Kongresa Sekretario*

*Post la laborkunsidoj frata vespermanĝo en tipa restoracio*

*La Urbestraro de Zaragoza regalis la kongresanojn pere de Folklora Festo. Grupo de la «Escuela Oficial de Jota» dum la danco*





# 53a Universala Kongreso de Esperanto

Okazonta en Madrid de la 3a ĝis la 10a, VIII, 1968
Sub la Alta Protektado de Lia Ekscelenca Moŝto
Ĉefgeneralo Franco, Ŝtatestro de Hispanujo

Konstanta adreso:

| | |
|---|---|
| Nieuwe Binnenweg 176 | Poŝtkesto 19039 |
| ROTTERDAM - 2 (Nederlando) | MADRID (Hispanujo) |

## Ĝeneralaj Informoj

ALIĜOJ:

La aliĝantoj sendu la aliĝilon kaj la koncernan pagon al la sama adreso (ne, ekz., la aliĝilon al Peranto kaj la pagon al la adreso de la Kongreso, aŭ inverse). *La aliĝiloj devas esti klare skribitaj, por ke la mencio en la Kongresa Libro estu senerara.*

KIEL PAGI:

1. Pere de la Oficialaj Perantoj de la Kongreso, kies listo aperas en la unua bulteno.
2. Rekte al la konstanta adreso de la U.K. (Poŝtĉekkonto N. 627337 *aŭ* Amsterdam-Rotterdam Bank, Rotterdam. Konto no. 690.144.)
3. *Hispanaj aliĝantoj* povas sendi la aliĝilon al: 53-a Universala Kongreso de Esperanto, Poŝtkesto Nr. 19030, Madrid —kaj la koncernan kotizon al: Banko Bilbao, Agencia -0-15, Avno. General Mola 267, Madrid-16, je la nomo de 53-a Esperanto-Kongreso, Konto N. 3.472.

KOTIZO:

La kotizo inkluzivas la tutan programon de la Kongreso, escepte de la ekskursoj kaj bankedo, kaj la rajton utiligi la Loĝigan Servon de la Kongreso. La kotizo devas esti antaŭpagita, kaj ne estas repagebla, eĉ se la aliĝinto ne partoprenos en la Kongreso. Persono kiu pagas la aliĝkotizon por alia, antaŭvidu tion.

Neniu aliĝilo estos traktita antaŭ ricevo de la koncerna pago.

RABATOJ:

1. Individua membro de U.E.A., kiu ricevas la Jarlibron kaj la Revuon «Esperanto», *rajtas rabaton de* 20,— *ned. gld.* (330,— *pes.*);
2. Individua membro de U.E.A., kiu ricevas nur la Jarlibron, *rajtas rabaton de* 10,— *ned. gld.* (165,— *pes.*);
3. Edz(in)o de individua membro (de ambaŭ kategorioj) *rajtas rabaton de* 5,— *ned. gld.* (82,50 *pes.*).

La rabatoj ne validas por aliaj familianoj, gejunuloj, studentoj, blinduloj.

N. B.

Kongresano (ne edz-in-o kaj alia kategorio), kiu pagas la plenan kotizon, *ricevas la Revuon «Esperanto» dum la tuta kongresa jaro.*

DONACOJ:

La donacoj montras la solidarecon de la esperantistoj.

Oni povas sendi donacojn por la jenaj celoj:

*Literatura Kaso*: Ĝi kontribuas al la valoro de la premioj por la Belarta Konkurso.

*Blindula Kaso*: Ĝin utiligas la Blindula Kongreso.

*Adopta Kaso*: Per ĝi estas helpataj esperantistoj en landoj, kie la transsendo de mono estas malfacila aŭ malpermesita.

*Adoptaj Gepatroj*: Per tiu ĉi Fondaĵo estas helpataj infanoj, kiuj alimaniere ne povus partopreni en la Infana Kongreseto. La minimuma kontribuo estas 30,— ned. gld.

TIP. C BOLOIX -REINA FABIOLA, 7 -ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63